**PENSEO**

*N-ro 151*

*majo/2004*

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 15-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm

## Danko

*Por la 80a naskiĝa jubileo de Marjorie Boulton*

(2004-05-07)

Shi Chengtai

Al poetin' mi de l' eosto fora
gratulas l' okdek-jaran jubileon.
Vi oferis al ni poezian kreon,
Verda Parnas' fariĝas la kolora.

Ĝuis sonete mi amaran teon,
arda amflamo faris min pudora.
Al poetin' mi de l' eosto fora
gratulas l' okdek-jara jubileon.

Poemoj viaj skulptis ja kameon
kaj merito eterne restas glora.
Omaĝas nun mi al vi ĉi-antreon,
kaj diru: vi neniel "senpopola

poeto" estos, de l eosto fora!



2004-04-29
Daqing, Ĉinio

## Maja lunlumo

**Vadant**

Maja luno kun arĝenta ardo
Mute frapas vian belfenestron.
Sekve lumon jen mia rigardo
Alkaresu vian sonĝan geston,
Serĉu de vi sonĝan spuron,
Kiel gliti nokt-veluron.

Majaj steloj kun mistera ardo
Ride ŝprucas vian belfenestron.
Sekve brilon jen mia sent-starto
Honte kisu vian sonĝan flustron,
Akompanu vian naĝon
Rave ĝui tra miraĝon.

Maja vento kun aroma ardo
Jam rondelas en la belfenestron.
Sekve venton mia kor-petal' do
Ŝvebu vian florplenan trisemestron
Kune plektu ni rakonton
Kiel la kristalan fonton!



## Ĉe Antikva Pramejo

**Vadant**

*Ĉu el renkontiĝoj de luno kaj zefiro*
*Krepuske konsistas la vivo kun inspiro*
—— epigrafo

Nigra ombro peze subpremas
Al krepuska rivero.
La antikva turo pene subtenas
Pecon da lumo.
Tamen lampoj ĉe rivero
Ankoraŭ ne ellavas

Ridetajn vilaĝojn de bambuoj.
Dum aromo ravante
En zefiro rondelas
Vi alnaĝas laŭ ŝtona pado
Per mildo kaj varmo
Por mi, refoje
Heligas la novan lunon
Trans rivero
Elflosas miraĝo.
Ĉe antikva pramejo
Boato remas de bordo.
Ondaj laŭdoj
Tremas sub kor-bato.
Do, tiel flosi,
Flosi sub la luno!
Mi mute preĝas:
La ondoj mildu, pli mildu,
Ne ĝene veku
La dormantan sunon!



# Rememoro en tetrinkejo

Hu Guopeng

Ĉe l' rand' de l' mondo palflava krepusko
Jam ne plu min allogas per la pompo,
Kaj mi la birdokantojn ne plu aŭdas.
Mi petis ĵus da teo tason,sen aplombo.
Mi la ĉagrenon korpremantan kovas,
Pro kio vagas vi animperdita?
Demandis laŭte mi sed sen respondo,
Mi petis plu da teo tason,senspirita,
Vi kuŝas nune en tombejo fora,
Sen arb', sen font', nur kot-amaso,
Oftoftaj ventoj jen platigis teron,
Pent-larmojn mi faligis en la tason.



# Rompita Sago

Tiu, kiu ne metas sian plenan fidon sur sian propran volon, neniam fariĝos generalo.

En antikva Ĉinio, patro kaj filo iris al batalkampo. Tiam la patro estis generalo, dum lia filo nur ordinara soldato.Kiam militaj kornoj eksonis kaj tamburoj tondris al atako, la patro, solene levante sagujon kun sola sago, diris gravmiene al sia filo, "Ĝi estas la sago heredita de generacio al generacio. Se vi kunportos ĝin, vi sentos senliman forton. Tamen neniel eltiru ĝin."

La sagujo, kun tre fajna aspekto, estis farita el bovledo, borderita per briletanta bronzo. Kaj la sagvosto videble estis fabrikita per bonkvalita pavplumoj. La ĝojiĝanta filo avide imagis al si kion la sagstango kaj sagkapo similas kaj kiel la malamika, trafita de sagoj, falas el la ĉevalo kaj mortas.

Vere, kunportante la sagujon, la filo sin montris senkompare brava kaj nevenkebla. Kiam la kornoj eksonis por retiri trupojn, la filo sentis sin tiel fiera pro la triumfo ke li malobeis la admonon de sia patro. Pelate de forta deziro, li abrupte eltiris la trezoran sagon por pririgardi. Tiumomente li ŝtoniĝis.

Rompita sago ĝi estis. Rompita sago en la sagujo!

Mi kunportis rompitan sagon dum batalado! Li ŝvitis trakorpe. Lia volo subite sinkis, kvazaŭ domo perdus la subtenan foston.

La rezulto estis evidenta: la filo tragike mortis en la konfuzitaj soldatoj.

Forsvinginte pulvofumon, la patro levis el la tero la rompitan sagon kaj peze kraĉis, dirante, "Tiu, kiu ne fidas al si mem, neniam fariĝos generalo.

Kiel malsaĝe konfidi la venkon al la sago! Kiel danĝere, se oni konfidas la kernon kaj tenilon de sia vivo al aliaj! Ekzemple, se vi konfidas vian esperon al viaj gefiloj, vian feliĉon al via edzo, vian vivgarantion al via

laborunuo...

tradukita de **Liu Kanglong**

## Pentristo kaj Lia Nepino

**Wang Kuishan**

La pentristo havas 6-jaran nepinon nomitan Tingting, kiu ankaŭ ŝatas pentradon.

Ŝi pentras arbon.

Li kritikis, "Tingting, la arbo, kiun vi pentris, ne estas ĝusta."

Ŝi replikis, "Kial ne ĝusta?"

Li respondis, "La branĉoj ne estas ĝustaj."

Ŝi replikis, "Kial la branĉoj ne estas ĝustaj?"

Li klarigis, "Kiel la branĉoj povus esti pli dikaj ol la trunko?"

Ŝi redemandis, "Kial ne?"

Li respondis, "Se tiel, ĝi ne estas arbo."

Ŝi kontraŭdemandis, "Se ĝi ne estas arbo, kial vi nomis ĝin arbo?"

Li havis nenion por respondi.

Ŝi pentris kuniklon.

Li kritikis, "Tingting, la kuniklo, kiun vi pentris, ne estas ĝusta."

Ŝi replikis, "Kial ne ĝusta?"

Li respondis, "Ĉu estas ruĝa kuniklo."

Ŝi replikis, "Kial ne estas ruĝa kuniklo?"

Li demandis, "Ĉu vi iam vidis ruĝan kuniklon"

Ŝi kontraŭredemandis, "Ĉu ne ekzistus tiakolora kuniklo, se oni ne vidis tian?"

Li respondis, "Do, ĝi ne estas kuniklo."

Ŝi redemandis, "Se ĝi ne estas kuniklo, kial vi nomis ĝin kuniklo?"

Kaj li havis nenion por respondi.

Ŝi pentris ĉevalon.

Li kritikis, "Tingting, la ĉevalo, kiun vi pentris, ne estas ĝusta?"

Ŝi replikis, "Kial ne ĝusta?"

Li klarigis, "Ĉu ĉevalo havas flugilojn?"

Ŝi respondis, "Ĉevalo ne havas flugilojn."

Li demandis, "Do, kial vi pentris flugilojn por la ĉevalo?"

Ŝi aldonis, "Mi volas, ke ĉevalo elkreskigu flugilojn."

Li konkludis, "Do, ĝi ne estas ĉevalo."

Ŝi kontraŭdemandis, "Se ĝi ne estas ĉevalo, kial vi nomis ĝin ĉevalo?"

Ree li havis nenion por respondi.

Ŝi pentris kokinon, kiu naskis ovon. La ovo estis multe pli granda ol la kokino. Ŝi sendis la pentraĵon al Hispana Ekspozicio de Internacia Infan-Pentraĵoj. La rezulto estis, ke ŝi gajnis la unuan premion.



tradukis **Niu Niu**

## Tri Poemoj de Yu Guangzhong

### Hejmsopiro

Kiam estis mi infano,
mia hejmsopiro ŝajnis poŝtomak' malgranda.
Mi ĉe ĝia unu flanko ĝemis,
kaj la panjo ĉe l' alia.

Kiam mi plenkreskis,
mia hejmsopiro kaŝis sin sur ŝipbilet' mallarĝa.
Mi --- ĉiama veturanto,
novedzino mia--- atendant' malĝoja.

Poste ho ve,
eĥis mia hejmsopir' en tomb' malalta.
Mi ekstere staris,
mia panj' interne kuŝis.

Sed nun
mia hejmsopiro fluas kiel la Markol' banala.
Veas mi ĉi-borde,
transe l' Ĉeftero.



elĉinigis **Lumo**

## Kvar Strofoj Pri Hejmveo

donu, donu al mi jen da Jangzi*-akv' ĉerpilon
vinsimila akvo
ebriiĝo de vino samas
kiel droniĝo en hejmveo
donu, donu al mi jen da Jangzi-akv' ĉerpilon

donu, donu al mi ruĝan malusfloron
sangeruĝan floron
brulo de bolanta sang' similas
al brulvundo de hejmveo
donu, donu al mi ruĝan malusfloron

donu, donu al mi blankan neĝfloreton
blankan kiel letero-papero
atendado de elhejma leteraro
jen egalas atendadon de hejmveo
donu, donu al mi blankan neĝfloreton

donu, donu al mi bonodoran umefloron
patrinŝajnan bonodoran umefloron
la aromo de patrino
la aromo de hejmlando
donu, donu al mi bonodoran umefloron

* *Jangzi: Janzi-rivero*

elĉinigis **Yang Fang**

## Vin Atendas Mi en Pluvo

Vin atendas mi en pluvo
en la pluv' graveda jen je ĉielarko
cikad-ĉirpoj kvietiĝis
kaj ran-kvakoj ekeksplodas
ruĝ-lotusoj plenas en lageto
kiel ruĝaj flamoj en la pluvo

ĉu vi venas aŭ ne,
mi eĉ sentas
ĉiu lotusflor' similas al vi
precipe en krepuska kovro
en tia pluv' vual' delikata

eterne aŭ tempete
tempete aŭ eterne
vin atendas mi en tempo iksa aŭ fiksita
vin atendas mi
ĉu temepte aŭ eterne

nun se via mano en la mia
kaj se via freŝa elspireto
en naztruoj miaj
al vi mi dirus
karulino mia

nu, ĉi mano pluku lotussemojn
en ĝarden' la imperia
tiu man' skuetu la remilon
en boat' el magonia ligno

stelo alte pendas super la kupolo
kiel pendolanta orelringo
la horloĝo l' sepan batas
subite vi alpaŝas

vi alpaŝas tra postpluvaj lotusfloroj
leĝere kaj gracie
kiel poemet' skandita
pri anekdoto ama

vi alpaŝas ritme
el poemoj antikvtempaj

elĉinigis **Yang Fang**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_